Kvina Numero Majo 1932

# LA GAZETO DE LA XXIVA UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Parizo: 30a Julio - 6a Aŭgusto 1932

Ĉefredaktoro: Raymond Schwartz
Teknika Direktoro: L. N. Newell

Adreso de la Redakcio:
LA MAISON DE FRANCE
101, Av. des Champs-Élysées
PARIS-VIIIe

Tarifo por Reklamoj: 300 frankoj po paĝo kaj proporcie por frakcioj ĝis 1/16 de paĝo. Rabato por ripetitaj enpresoj.

Nepresitajn manuskriptojn la Redakcio resendos, nur se ili estas akompanataj de respondkuponoj por la afranko.

## « REKTE, KURAĜE.... »

La profesiaj pesimistoj havas nun facilan rolon: Ĉu ni ne avertis jam antaŭ monatoj! Ni antaŭsentis la efikon de l' tutmonda krizo kaj intertempe vi anoncis triumfe, ke Paul Doumer, Prezidanto de l' Franca Respubliko, akceptis patronadi la Kongreson. Sed freneza krimulo ĵus mortigis lin. Antaŭsignoj, antaŭsignoj! Kruela pugno de l' realeco disŝiris viajn fantaziteksajojn. Tial rezignu, prokrastu, ne spitu la sorton!



Kaj ni spitos! Lamenta timemo ne estus inda je ni, ne estus inda je tiu brava anaro, al kiu ĝia Honora Prezidanto, tro malfrue malaperinta, postlasis heroan ekzemplon de ŝtala volo.

Respekte, kun doloraj sentoj en la koro ni klinas nin antaŭ tiu nobla maljunulo Paul Doumer, antaŭ ĉiu glora murdito, kiu mem dum longa batalo de l' vivo montris al ni la vojon: kuraĝo, obstino. Sinsekve li perdis dum la milito kvar filojn. Sed li ne rezignis. Terure frapita en siaj plej intimaj sentoj, li ne retiriĝis al izolo kaj senaga medito. Li luktis, li iris la vojon signitan kaj venkis.

Post la franca ĉefministro ankaŭ ni citu tiun admirindan ekzemplon de l' franca popolo, kiu ĵus travivis digne kaj serene, malgraŭ akra doloro, malgraŭ politikaj pasioj, plej gravan epokon el sia historio. La 1-an kaj la 8-an de majo ĝi renovigis laŭ siaj suverenaj rajtoj sian parlamenton kaj renversis senskue la ĝisnunan registaron. La 6-an ĝia amata Prezidanto falis sub la kugloj de atencanto. La 18-an la popolreprezentantoj elektis novan Prezidanton. Serena ordo, celkonscia agado.

Ho miaj bonaj geamikoj, memoru, ke funebra krio de l' strigo neniam malhelpis leviĝon de l' suno. Tial ni fidu. Rekte, kuraĝe, ni iru al la Kongreso, kiu brile sukcesos. Malgraŭ ĉiuj baroj. Des pli bela estos la venko, des pli granda nia ĝojo!

R. S.

# BALOTO

La franca parlamento ĵus renoviĝis kaj ĝi vivos, de nun, kvar jarojn, se Dio tion permesas. Ni esperu, ke ĝia vivo estos fruktodona ne nur por la franca popolo sed ankaŭ por la tutmonda paco, kiun promesis ĉiuj kandidatoj. Sed kion ne promesus kandidato?

Ĉiu scias, ke franca civitano, eĉ se li estas Esperantisto, rajtas sin proponi kiel deputoton, kondiĉe, ke li estu 25-jara kaj estu nek militisto nek ŝtatoficisto; ke ĉiu franca civitano 21-jara povas voĉdoni, se li ne perdis siajn civitajn rajtojn. La civitaninoj, verŝajne, povos ankaŭ tion fari en tempo espereble proksima, sed, ĝis nun, la francaj virinoj ankoraŭ ne atingis la plenaĝecon, almenaŭ laŭ opinio de la francaj senatanoj. La francinoj ne povas maljuniĝi. Kiel feliĉaj estas la francoj!

Se oni konsideras la materiajn avantaĝojn de parlamentano, ne kalkulante la ceteron, se oni aldonas, ke nun en Francujo ekzistas dekduo da diversaj politikaj partioj, oni komprenas, ke la kandidatoj al la provizotaj 615 seĝoj estas multenombraj. Kiel povas la voĉdonontoj ne havi kapturniĝon, legante la diversajn deklarojn de la kandidatoj!

Tamen, kiam la solena momento alvenas, ĉiu konscia civitano sin direktas al la balotejo al li fiksita antaŭe, kaj, metinte en diskretan koverton sian bultenon, li transdonas al sia elektito siajn estrecojn.

Se unu el la kandidatoj ricevis la absolutan plimulton de la esprimitaj voĉdonoj, t. e. duono plus unu el ĉiuj voĉoj, li fariĝas deputito. Se neniu atingis tiun absolutan plimulton, oni voĉdonas denove kaj tiufoje relativa plimulto sufiĉas por plenigi la atendantan brakseĝon.

De tiu momento la ŝuisto N. fariĝas la honorinda sinjoro N. Li kapablas fari leĝojn, ordoni elspezojn, kvankam li promesis ŝpari la monon de siaj sendintoj. Por kvar jaroj li estas kvazaŭ ŝraŭbita al sia seĝo — nur morale komprenèble, ĉar fakte li deziras larĝe profiti la eblecon vojaĝi senpage — kaj neniu povos lin forsendi, eĉ se li ne plenumas siajn promesojn.

Ni konfesu tamen, ke tiu sistemo ne estas tro malbona, ĉar Francujo estas lando, en kiu oni plej agrable vivas. Tion povos konstati mem niaj kongresanoj. Kaj intertempe ni ĝoju pri la rezultato de la lasta balotado, ĉar ĝi montris senerare, ke la granda plimulto el la francoj celas al la Paco.

ELSE.

---

**S-ro Paul Doumer.** — Por la bildo de s-ro Paul Doumer, kiu aperas sur la unua paĝo de ĉi tiu numero, ni dankas la afablecon de la eldonistoj de la gazeto *Benjamin*.



*Foto Yvon*

MALNOVA STRATO EN MONTMARTRE

# PAUL DOUMER

PRO krimo tiel abomeninda, kiel sensenca, la Prezidanto de la Franca Respubliko ŝubite malaperas. Admirinda figuro foriĝas el la monda politika scenejo, tiu de grandanima honesta homo. Malmultaj personoj, efektive, donis dum sia vivo pli belan ekzemplon de morala energio kaj, dezirinte koni nur la leĝon de la devo, sukcesis sin tenadi en ĝi kun tiel serena digneco.

Al tiu disciplino de la devo la Prezidanto sin submetis tuj de la infaneco, malatentante pri la ordinaraj plezuroj kaj la facilaj tentoj, persistege sin tenante al la laboro kun senlaca obstineco, ĉiam esperante de tiu laboro iun riĉiĝon, konkiron, memmajstrecon.

Ĉar la vivo ne montris sin al li, ĉe la komenco, sub alloga aspekto. Filo de tre modesta laboristo, li tre frue troviĝis orfa kaj, dekdujara, li devis sin dungigi kiel serviston por komisioj ĉe gravuristo. Sola, li senlace laboris, studis la vesperon kaj, dudekjara, fariĝas kolegia profesoro. Tio fariĝis por li la savo. De tiam la estonteco sin montras al li pli favora kaj li altiĝas, per konstanta supreniro, daŭra, harmonia, ĝis la unua rango en la ŝtato.

Deputito, senatano, li specialiĝas rapide en la financaj problemoj kaj fariĝas ministro de la financoj. En 1896 li foriras al Indoĥinujo kiel ĉefguberniestro. Li tie sin montras, dum ses jaroj, iniciatema, antaŭzorgema, honestega. Poste, reveninte en Francujon, li baldaŭ fariĝas Prezidanto de la Ĉambro de Deputitoj, denove ministro, Prezidanto de la Senato, kaj fine li altiĝas al la superega ofico kaj honoro.

En tiu longa ekzistado, de kiu kvindek jarojn li dediĉis al la studado de la gravaj politikaj problemoj kaj al ilia ĉiutaga praktiko, la Prezidanto ĉiam sin montras organizemulo, iniciatemulo, ĉefo, sed ankaŭ lerta politikisto, kun malofta sagaceco kaj homa penetremo. Li scipovis distingiĝi en la parlamentaj medioj, neniam pro tio cedante al dubaj kamaradecoj.

De ŝtupo al ŝtupo li estis atinginta la supron, kie oni povas senpartie arbitracii politikajn malkonsentojn, kaj li ĝojis, ĉar li posedis tiun influon, dank' al kiu li povis en Francujo restarigi la kunlaboradon de la partioj. La gesto de duonfrenezulo ne permesis, ke li realigu sian revon pri paco kaj konkordo.

Li tamen havis la tempon doni al la Esperantista movado pruvon de simpatio kaj konfido, kiu nin profunde kortuŝis kaj kiu lin ege honorigas. Ne zorgante pri la malkonsento, kiu ankoraŭ daŭras inter certaj lingvistoj kaj publicistoj pri la problemo de internacia lingvo, li senhezite konsentis, je la peto de niaj amikoj s-roj André Baudet kaj Warnier, esti Honora Prezidanto de la Patronada Komitato de nia XXIV-a Universala Kongreso. Sed li faris pli multe. Propramove li deklaris, ke li honorigos per sia ĉeesto la inaŭguran kunvenon de nia Kongreso, kaj eĉ, ke li organizos por niaj kongresanoj « garden party »-on en la Elizea Palaco.

Li estis efektive kompreninta la sencon profundan de nia movado, kiu — ekster iu ajn politika ideo — estas kapabla multe helpi por plifortigi la ligilojn, kiuj kunigas popolojn de egala civilizado, faciligante kaj samtempe plimultigante la rilatojn inter ili. Li estis adoptinta Esperanton kiel aganto de paco.

Ni estas al li pro tio treege dankemaj kaj niaj samideanoj en la tuta mondo salutos kun respekto la memoron de tiu modela viro, kiu estis esence, kiel diris nia ĉefministro ĉe la funebra emocianta ceremonio, dum kiu la korpo de la Prezidanto estis portata de la tuta popolo al la Panteono, « homo de paco, de saĝeco kaj de boneco », plena simbolo de la raso kaj spirito francaj, admirinda familia patro laŭ la antikvaj tempoj, tiel granda per sia senriproĉa vivo kiel per la ofero de sia heroa morto.

JEAN COUTEAUX.

## Korekto

En la artikolon « La Franca Gazetaro » (aprila numero) enŝteliĝis malkorektaĵo. Pro interveno de superĉefredaktora potenco la sinsekvo de l' diversaj gazetoj estis lastminute ŝanĝita kaj tial oni trovis post *Le Soir*, kies tendenco estas socialista, la ĵurnalon *Le Temps* : « ... kun similaj tendencoj .... » La manuskripto de nia amiko Léon Agourtine citis *Le Temps* tuj post *Le Journal des Débats*, kaj « similaj tendencoj » havis tie tute alian signifon. Niaj legantoj bonvolu korekti en tiu ĉi senco kaj senkulpigi nin pro tiu bedaŭrinda akcidento.

# Kongresa Babilado

La denaskaj kongresanoj, kiuj ĉeestis regule kaj religie niajn internaciajn festojn, tre ĝojos, eksciante ke la aktoroj, kiuj brile ludis *Hamleton* dum la Antverpena Kongreso, prezentos plejparte ankaŭ la teatraĵon por la XXIV-a. Mi diras « plejparte », ĉar el Antverpeno venos ok el la dek kvar necesaj aktoroj — eĉ naŭ, ĉar verŝajne unu el la antverpenanoj ludos du rolojn.

La ĉefan rolon, tiun de d-ro Knock, ludos s-ro Cauwenberg, kiu ludis la rolon de Hamleto. En aŭgusto oni povos juĝi la multflankecon de lia talento, ĉar verdire Hamleto havis tre malmultajn karakterizaĵojn komunajn kun d-ro Knock. Krom li, ni vidos ankaŭ aliajn popularajn aktorojn de Esperantujo, ekzemple, Julio Baghy, kies arton ni jam ĝuis en Ĝenevo kaj Oksfordo kaj aliloke. Li ludos rolon tre amuzan, kaj certe el ĝi tiros feliĉajn ridojn. Kaj estas preskaŭ certe, ke ges-roj Starke, el Nürnberg, partoprenos ; tiuj, kiuj estis en Oksfordo, bone memoras ilian bonegan prezentadon.

* * *

La mencio pri Julio Baghy memorigas al mi, ke li perfekte resaniĝis el sia operacio, kaj estas nun eĉ pli vigla ol antaŭ sia malsano. Nur dutri tagojn post sia eliro el la hospitalo, li venis al la grup-kunveno en Sorbonne kaj per deklamado de kelkaj poemoj longe ridigis la ĉeestantojn. Se li longe restos en Parizo, oni devos nomi ĝin Teatro Sorbono. Kaj post la kunveno li pruvis plej science, ke deklamado de poemoj havas bonegan efikon je la soifo kaj sorbokapablo ; efektive, oni tiam prononcis *Sorb*-ono.

Liaj amikoj ĉieaj kun mi gratulos lin pri lia bonega resaniĝo kaj nova energio por laboro.

* * *

Baldaŭ post apero de tiu ĉi numero oni povos aĉeti la Esperantan tradukon de la Kongresa teatraĵo, *Knock*. Mi konsilas, ke vi aĉetu ĝin kiel eble plej frue, por plene ĝui la subtilan sed penetreman ironion kaj spritecon de Jules Romains, unu el la plej brilaj francaj ironiistoj de la nuna epoko. La tradukon faris d-ro Pierre Corret, bone konata de la Esperantistaro, kaj lia nomo garantias helan respeguladon de la ŝercoj kaj mokoj de la originalo.

* * *

Unu el la problemoj, kiujn devis solvi la L. K. K., estas la gvidado de la kongresanoj dum la ekskursoj. Nun oni organizas, sub la generalado de generalo Bastien, taĉmenton da Esperantistoj gvidistoj, kiuj povos mitrajle elverŝi faktojn pri ĉiu epoko de la historio, kaj informi sciemulojn pri la butiko kie Karlo la Granda tondigis sian barbon. Tio estas por la gvidistoj peza ŝarĝo, kaj devigas al longa studado ; homoj en ĉiuj landoj tre similas (rilate al historia kono) miajn anglajn amikojn, kiuj retenas pri la historio, post tre multekosta edukado, nur la jaron 1066, kiam Vilhelmo de Normandio ĝentile vizitis sian anglan samideanon, Haroldo. Ni kore danku tiujn studemulojn, kiuj ne timas parkerigi longajn listojn de datoj !

* * *

Kiel homo kiu principe neniam ĉeestas fakkunvenojn, mi ĝoje salutas novan elpenson de la fakemuloj. Oni proponis al la L. K. K. organizi, ne fakkunvenojn, sed fakkunmanĝojn dum la Kongreso, kaj verŝajne s-ro Rousseau kaj s-ro Duval, kiuj fakas pri tiu fako, ion similan aranĝos. Se la ideo efektiviĝos, mi subite interesiĝos — ĝuste je la manĝohoro — pri la lastaj malkovroj de la meteorologio kaj similaj dormigiloj ; kaj mi estos tre afabla eĉ al poŝtmarko-kolektanto (bfl), kondiĉe, ke li invitu min manĝe kunfaki kun li.

Kaj mi — mi organizos societon de anatomiistoj-specialistoj pri la *eẑofako*.

Eleno Vinfero.



*Foto Yvon*

LA PARKO MONCEAU, EN PARIZO

# LA XXIVA UNIVERSALA KONGRESO

Parizo, 30 Julio — 6 Aŭgusto 1932

## OFICIALAJ SCIIGOJ

**Oficiala Invito :** La Kongreso okazos en Parizo laŭ oficiala invito de la Ĉambro de Komerco de Parizo, sendita al la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado.

**Honora Prezidanto de la Patrona Komitato :** † S-ro Paul Doumer, Prezidinto de la Franca Respubliko.

**Loka Kongresa Komitato :** Prezidanto, Georges Warnier ; Vic-Prezidanto, Int.-Gen. Louis Bastien ; Kasisto, Lucien Tuleu ; Ĝenerala Sekretario, L. N. Newell ; Help-Sekretario, Jean Marchand.

Komitatanoj : Jean Couteaux, L. Cozic, René Dubois, Maurice Duperrey kaj Célestin Rousseau.

**Kongresa Oficejo** *(adreso por ĉiuj komunikaĵoj)* : La XXIV-a Universala Kongreso de Esperanto, Maison de la Mutualité, 24, rue St-Victor, Paris-V.

**Banko :** La Société Générale (Agence HV), Paris (konto N° 10.066). Ĉekoj estu pagotaj al « XXIV-a Universala Kongreso de Esperanto ».

**Poŝtĉeka Konto :** Oni adresu poŝtajn ĉekojn al « XXIVe Congrès Universel d'Esperanto, Paris N° 1647-59 ».

**Kotizoj el Centra Eŭropo :** En kelkaj landoj de Centra Eŭropo estas nun malpermesite eksporti monon, kaj sekve multaj Esperantistoj ne povas sendi sian kotizon por la Kongreso. La L. K. K. nun klopodas por havi specialan permeson por la eksporto de la kotiz-sumoj. Tamen, tiu peto devas sekvi diplomatiajn vojojn, kiuj kelkfoje estas iom longaj. Tial, la L. K. K. decidis intertempe akcepti la aliĝojn de Esperantistoj el tiuj landoj, kondiĉe ke la aliĝintoj promesu sendi la kotizon tuj kiam la ĝenerala eksporto de mono estos permesita, aŭ kiam la speciala permeso por la Kongreso estos ricevita kaj anoncita en la Esperantistaj gazetoj. Al tiuj aliĝintoj la L. K. K. sendos la *Gazeton de la XXIV-a* kaj la mendilojn por hoteloj, ekskursoj, k. s., kaj la fervojan rabatilon.

Tiu speciala aranĝo validas nur por la landoj kiuj malpermesas la eksporton de mono, nome, Aŭstrujo, Bulgarujo, Ĉeĥoslovakujo, Germanujo, Hungarujo kaj Jugoslavujo.

**Help-Kongresanoj :** La L. K. K. starigis la kategorion de Help-Kongresanoj por tiuj, kiuj ne povos ĉeesti la Kongreson sed tamen deziras subteni nian internacian feston kaj ankaŭ ricevi la dokumentojn. La kotizo por tiu kategorio estas 50 francaj frankoj ; por tiu sumo oni ricevos post la Kongreso la oficialan Esperantan Gvidlibron pri Parizo, la Kongres-libron, la Kongresraportaron, specimenojn de ĉiuj mendiloj, kaj kompletan serion de la *Gazeto de la XXIV-a* kaj aliajn dokumentojn de la Kongreso.

**Programo de la Kongreso :** Interkonsente kun la Internacia Centra Komitato, la L. K. K. starigis la sekvantan *provizoran* programon de la Kongreso :

SABATO 30 julio

17 h. Unua kunsido de I. C. K. (kun L. K. K.).
18 h. Unua kunsido de K. R.
20 h. 1/2 Interkonatiĝa festo aŭ danco.

DIMANĈO 31 julio

8 h. 1/2 Diservoj.
10 h. Solena Malferma Kunsido en Maison de la Mutualité aŭ en Sorbonne.
15 h. Malfermo de la Somera Universitato.
16 h. Estrarkunveno de U. E. A.
16 h. Dua kunsido de I. C. K.
20 h. 1/2 Teatra prezento.

LUNDO 1 aŭgusto

9 h. 1/2 Unua Laborkunsido.
13 h. 1/2 Ekskurso al Versailles en speciala vagonaro.
15 h. Dua kunsido de K. R.
17 h. Unua kunsido de la Ĝenerala Estraro.

MARDO 2 aŭgusto

9 h. 1/2 Publika kunsido de U. E. A.
11 h. Tria kunsido de I. C. K.
11 h. Vizito al la Ĉambro de Komerco de Parizo kaj la fama Esperanta Biblioteko.
12 h. Senpaga lunĉo donacita de la magazeno Galeries Lafayette.
15 h. Somera Universitato kaj fakkunvenoj.
15 h. 1/2 Dua kunsido de la Ĝenerala Estraro.
20 h. 1/2 Literatura Vespero de *Literatura Mondo.*

MERKREDO 3 aŭgusto

9 h. 1/2 Tuttaga ekskurso al Fontainebleau en aŭtomobiloj.

ĴAŬDO 4 aŭgusto

9 h. 1/2 Dua Laborkunsido.
15 h. Somera Universitato kaj fakkunvenoj.
15 h. Kvara kunsido de I. C. K.
16 h. Tria kunsido de la Ĝenerala Estraro.
20 h. 1/2 Ŝipekskurso al Saint-Cloud.

VENDREDO 5 aŭgusto

9 h. 1/2 Tria Laborkunsido.
15 h. Somera Universitato kaj fakkunvenoj.
16 h. Kvara kunsido de la Ĝenerala Estraro.
21 h. 1/2 Internacia Balo.

SABATO 6 aŭgusto

10 h. Ferma Kunsido en Maison de la Mutualité.

**Fervojoj :** La Hispana Esperantista Konfederacio (adreso : Colón 24, Valencia, Hispanujo) sciigis al la L. K. K., ke ĝi sukcesis havigi al kongresanoj 40-procentan rabaton sur ĉiuj hispanaj fervojoj, por ir- kaj reven-biletoj. La vojaĝanto devas iri kaj reveni per la sama vojo; la rabato validas de la 23-a julio ĝis la 5-a aŭgusto inkluzive por la iro, kaj de la 31-a julio ĝis la 16-a aŭgusto inkluzive por la reveno. Interesitoj skribu al la Konfederacio, kunsendante respondkuponon, kaj citante plene siajn nomon kaj adreson kaj sian kongres-numeron.

**Teatraĵo — Aktoroj :** La L. K. K. interkonsentis kun s-ro Willy Cauwenberg, kiu reĝisoris la prezenton de *Hamleto* en la Antverpena Kongreso kaj mem ludis la rolon de Hamleto, ke li kaj lia aktoraro prezentu la komedion *Knock* dum la Kongreso. S-ro Cauwenberg mem estos la reĝisoro kaj ludos la rolon de Knock; kun li venos sep aliaj aktoroj. Aliajn aktorojn oni komisios el Germanujo (ges-roj Starke), Hungarujo (s-ro Julio Baghy), Francujo kaj aliloke.

**Teatraĵo — Sidlokoj :** Ĉiu kongresano rajtos ĉeesti la prezenton de la Kongresa teatraĵo senpage. Sed kelkaj lokoj estos rezerveblaj je la sekvantaj prezoj : 5 fr., 10 fr., 20 fr. kaj 30 fr. Post nelonge oni sendos al ĉiuj kongresanoj mendilon por tiuj kiuj deziras rezervi sian lokon. La nerezervitajn lokojn oni disdonos al kongresanoj laŭ la ordo de ilia aniĝo al la Kongreso.

**Teatraĵo — Eldono en Libra Formo :** La libra eldono de la Esperanta traduko de *Knock* (traduko de d-ro Pierre Corret) estos preta antaŭ la mezo de junio. La vendoprezo estas fiksita je 7 fr. 50.

**Kongresa Balo :** Pro specialaj cirkonstancoj kaj kutimoj en Parizo, la L. K. K. rekomendas, ke la kongresanoj ne portu naciajn aŭ fantaziajn kostumojn dum la Kongreso aŭ dum la Kongresa Balo.

**Komisionoj :** La L. K. K. elektis s-ron Louis Forest Prezidanto de la Komisiono por la Franca Gazetaro. S-ro Forest estas tre bone konata pariza ĵurnalisto kaj aŭtoro, kaj povos certigi grandan reklamon al la Kongreso.

---

## Donaca Kaso

KVARA LISTO

Transportita el la Tria Listo, Fr. 1.828,25; E. Mage, 15; M. Arger, 10; f-ino E. M. Lister, 65; J. P. Espesset, 15; J. Zemek, 8; L. Cozic, 25; B. Young, 15; G. F. H. Clark, 16.

**Sumo, Fr. 1.997,25.**

---

## Blindula Kaso

KVARA LISTO

Transportita el la Tria Listo, Fr. 1.417,75; Ligue des Droits de l'Homme (Lille), 300; Union des Aveugles de Guerre, 250; M. Coutrat, 50; W. P. Merrick, 120; L. Braet, 20; Association Valentin Haüy, 500.

**Sumo, Fr. 2.662,75.**

---

## Garantia Kaso

TRIA LISTO

Transportita el la Dua Listo, Fr. 125.000; d-ro Poncet, 500; A. Humez, 1.000; L. Bastien, 5.000; L. Cozic, 1.000; P. Jadot, 500; Esperanto-grupo de Orléans, 500; L. Beaumel, 500; Esperanto-grupo de Toulouse, 500; E. Royer, 100.

**Sumo, Fr. 134.600.**

---

## KVINA LISTO DE KONGRESANOJ

Kongres-numero

384. F-ino Marguerite JEANGIRARD (instruistino), rue Leconte-de-Lisle 33, Paris-XVI, Francujo.
385. Wilhelm PESTINGER (pordisto), Breuerwiesenstrasse 3/11, Frankfurt a/Main-Höchst, Germanujo.
386. F-ino Anna Adriana GLAUDEMANS (instruistino), Bergsingel 204, Rotterdam, Holando.
387. F-ino Catharina Pieternella BEYER (instruistino), Albrechtskade 157 b, Rotterdam, Holando.
388. F-ino Amalia Christina FOHREN (instruistino), Dunantstraat 24 a, Rotterdam, Holando.
389. S-ino Adrienne MOREAU-CHARMASSON (instruistino), rue Emile-Davoust 4, Orléans (Loiret), Francujo.
390. F-ino Madeleine LUZERAY (libristino), rue St-Eloi 21, Orléans (Loiret), Francujo.
391. F-ino Marie-Louise POCHON (muzikprofesorino), rue Charles-Sanglier 4, Orléans (Loiret), Francujo.
392. Jan SILHAN (kapitano), Radziechów via Lwów, Polujo.

393. S-ino Margit SILHAN, Radziechów via Lwów, Polujo.
394. S-ino Maria Jane STRAPPS, Cambridge Road 64, Ely, Cambs., Anglujo.
395. S-ino Anna TUSCHINSKI, Mirchauer Promenadenweg 3 a, Danzig-Langfuhr, Libera Urba Danzig.
396. S-ino Julia ISBRÜCKER, Oostduinlaan 32, Den Haag, Holando.
397. J. R. G. ISBRÜCKER (inĝeniero), Oostduinlaan 32, Den Haag, Holando.
398. F-ino Mimi CAHEN, Hildeboldplatz 21, Köln a/Rh., Germanujo.
399. Joseph MARTY (direktoro de hospitalo), avenue des Ecoles, Villejuif (Seine), Francujo.
400. F-ino Maria LE LIEBHARDT (bibliotekistino), Hermina-út 7, Budapest-VII, Hungarujo.
401. Miklós BANO (inĝeniero), Erzsébet-körut 16, Budapest-VII, Hungarujo.
402. S-ino Irene BANO, Erzsébet-körut 16, Budapest-VII, Hungarujo.
403. Miklós MITTROVATZ, Agosasztó-út 15, Bákoshegy, Hungarujo.
404. F-ino Berta SCHLICHTER (maŝintrikistino), Hermina-út 7, Budapest-VII, Hungarujo.
405. József KOVACS (muzikisto), Hermina-út 7, Budapest-VII, Hungarujo.
406. F-ino Katalin SCHULTZ (seĝoplektistino), Hermina-út 7, Budapest-VII, Hungarujo.
407. Boldizsár HINGER (muzikisto), Hermina-út 7, Budapest-VII, Hungarujo.
408. M. HERLEMONT, rue de Tolbiac 89, Paris-XIII, Francujo.
409. Roland BOSCHAT (librotenisto), avenue Jean-Baptiste-Clément 20, Boulogne-Billancourt (Seine), Francujo.
410. Henri BINOIT (bibliotekisto), Blindulinstituto, Rouchin (Nord), Francujo.
411. René CURNELLE (hospitaloficisto), rue Canrobert 39, Marcq-en-Barœul (Nord), Francujo.
412. Vasilij JAROŜENKO (pres-korektisto), Arbat 7, Moskva, Sovet-Rusujo.
413. Teodoro ŜOER, Hrustaluij per. I. Vos, Moskva, Sovet-Rusujo.
414. Gaston PLUCHON, avenue Simon-Bolivar 101, Paris-XIX, Francujo.
415. Emile BELLSOLA, rue d'Aubervilliers 58, Paris-XIX, Francujo.
416. Henry EPSTEIN (masaĝisto), ĉe « Amitié des Aveugles de France », avenue Bosquet 58, Paris-VII, Francujo.
417. Paul HUBERT (administranto), rue Damrémont 78, Paris-XVIII, Francujo.
418. Emile MAGE, rue Jean-Baptiste-Say 9, Lyon (Rhône), Francujo.
419. Marcel ROOST (advokato), Longue rue d'Argile 14, Antverpen, Belgujo.
420. F-ino Yvonne THOORIS, rue de l'Outre 4, Bruges, Belgujo.
421. F-ino Elise JACOBS, Mathildenstrasse 9, Flensburg, Germanujo.
422. Maurice ARGER (poŝtoficisto), rue Lamartine 46, Paris-IX, Francujo.
423. Maurice PEARSON (eksbankoficisto), Rushley Road 26, Dore, near Sheffield, Yorkshire, Anglujo.
424. Tom Gordon BRIGGS, Maitland Road 34, Woodthorpe, Nottingham, Anglujo.
425. F-ino Evelyn Mary LISTER (instruistino), The Cotes, Soham, Ely, Cambs., Anglujo.
426. C. H. H. SATCHELL, Grove Road 7, Leytonstone, London E. 11, Anglujo.
427. James LEAKEY, Greybole, Hatfield, Herts., Anglujo.
428. Emmanuel ROBERT, rue Ravignan 5, Paris-XVIII, Francujo.
429. S-ino Camille AUTOGUE, rue des Champioux 68, Argenteuil (S.-et-O.), Francujo.
430. S-ino Paulette POMMIER (muzikinstruistino), rue des Champioux 68, Argenteuil (S.-et-O.), Francujo.
431. F-ino G. S. PENTERMANN, Provenlerssingel 9, Rotterdam, Holando.
432. Adrien EYMARD (asekuristo), boulevard Masséna 123, Paris-XIII, Francujo.
433. William Percy MERRICK, Penso, Shepperton, Middlesex, Anglujo.
434. S-ino Marie Charlotte MERRICK, Penso, Shepperton, Middlesex, Anglujo.
435. S-ino Bertha BRAET-LOOBUYCK, Langestraat 6, Nieuwpoort, Belgujo.
436. Jean-Paul ESPESSET (instruisto), rue Lafayette 28, Auxonne (Côte-d'Or), Francujo.
437. F-ino Froukje KAMERLINGH, Windlustweg 26, Wassenaar, Holando.
438. F-ino Johanna Helena HOESTRA, Windlustweg 26, Wassenaar, Holando.
439. S-ino Valla TRUCHON, rue Monge 83, Paris-V, Francujo.
440. Charles MARSEILLE (inĝeniero), avenue Parmentier 127, Paris-XI, Francujo.
441. Nathan DE HAAFF, Bolwerkstraat 9, Antwerpen, Belgujo.
442. François DONNIO (orgenisto), rue Croisier, Riom (Puy-de-Dôme), Francujo.
443. Angelo Raffaele TANCREDI (instruisto), via S. Lorenzo 26-6, Savona, Italujo.
444. Karl HALFMANN, Krefeld-Forsthaus, Krefeld, Rheinland, Germanujo.
445. S-ino Käte HALFMANN, Krefeld-Forsthaus, Krefeld, Rheinland, Germanujo.
446. Hermann ALBRECHT, Heidestrasse 45, Nietleben, Sachsen, Germanujo.
447. Kurt BRŒMME, Dorfplatz 7, Nietleben, Sachsen, Germanujo.
448. Ernst COHNEN, Inratherstrasse 310, Krefeld, Rheinland, Germanujo.
449. S-ino Erna COHNEN, Inratherstrasse 310, Krefeld, Rheinland, Germanujo.

450. Philipp BONSCH (metiisto), Silvanstr. 9, Köln, Germanujo.
451. Stephan JOSEFIAK (piano-agordisto), Vogelsangerstr. 54, Köln, Germanujo.
452. S-ino Käthe JOSEFIAK (koncert-kantistino), Vogelsangerstr. 54, Köln, Germanujo.
453. Otto BRANDT (komercisto), Marktstrasse 230, Krefeld, Rheinland, Germanujo.
454. Heinz PETERS (oficisto), Luisenstrasse 107, Krefeld, Rheinland, Germanujo.
455. Jan ZEMEK (fervojisto), Rumburk 24, Ĉeĥoslovakujo.
456. F-ino Erica DIETZ, rue du St-Gotthard 34, Strasbourg (Bas-Rhin), Francujo.
457. Louis COZIC (inĝeniero), avenue de Clamart 157, Vanves (Seine), Francujo.
458. S-ino Thérèse COZIC, avenue de Clamart 157, Vanves (Seine), Francujo.
459. F-ino Marguerite COZIC (studentino), avenue de Clamart 157, Vanves (Seine), Francujo.
460. John F. HESLOP (inĝeniero), Victoria Road 7, Barrow-in-Furness, Lancashire, Anglujo.
461. F-ino M. P. STRAPPS, Richmond Road 49, Ilford, Essex, Anglujo.
462. S-ino Miroslava LEITGEB (komercistino), Jurčičev trg. 3, Ljubljana, Jugoslavujo.
463. S-ino Ljudmila YEREB (urboficistino), Gestrinova ul. 4, Ljubljana, Jugoslavujo.
464. F-ino Marya PETRIĈ (oficistino), Beethovnova ul. 14, Ljubljana, Jugoslavujo.
465. Paul VERNIN, rue St-Nicolas 9, Romans-sur-Isère (Drôme), Francujo.
466. Maurice TROUSSIER, rue Chion-Ducollet, La Mure (Isère), Francujo.
467. S-ino E. CAILLET (instruistino), La Mure (Isère), Francujo.
468. F-ino Blanche RUELLE, rue Bayard, La Mure (Isère), Francujo.
469. Raymond DRU (ĥemia inĝeniero), rue d'Ermont 14, St-Gratien (S.-et-O.), Francujo.
470. IJ. VAN DER SCHAAFF (adjutanto), Voorstreek 19, Leeuwarden, Holando.
471. F-ino Julie SINGER, Nassengrub 53, Asch 2, Böhmen, Ĉeĥoslovakujo.
472. Camille AYMONIER (instruisto), allées Damour 34, Bordeaux (Gironde), Francujo.
473. Charles ENGEL (prokuristo), Reeweg 26, Dordrecht, Holando.
474. S-ino Maria ENGEL-NOUWEN, Reeweg 26, Dordrecht, Holando.
475. S-ino Marie-Thérèse GIRAUDOT (instruistino), Parc Municipal, Oullins (Rhône), Francujo.
476. Ben. YOUNG (teksa desegnisto), Glasgow Road 53, Perth, Skotlando.
477. Carl KRÄMER, Hohenzollernstrasse 156, Saarbrücken, Saar-teritorio.
478. Emile FERRARI (aŭtomobil-luigisto), rue Valentin 12, Levallois-Perret (Seine), Francujo.
479. ESPERANTO-GRUPO DE ORLÉANS, rue Saint-Eloi 15, Orléans (Loiret), Francujo.
480. ESPERANTO-GRUPO DE LEVALLOIS-PERRET, ĉe s-ro Jadot, rue Poccard 17, Levallois-Perret (Seine), Francujo.
481. Johan Jan Hendrik TEUNISSEN (fervojisto), de Genestetstraat 21, Enschedé, Overijsel, Holando.
482. George F. H. CLARK (instruisto), Heathfield Road 48, Acton, London W. 3, Anglujo.
483. Heinrich RIPPEL (supera poŝtinspektoro), Semmelstrasse 41, Würzburg, Bayern, Germanujo.
484. Fredrick Charles CLEWLOW (komizo), Queslett Road, Great Barr, Birmingham, Anglujo.
485. F-ino Simone OBOZINSKI (instruistino), avenue Brugmann 364, Uccle, Brabant, Belgujo.
486. F-ino Ada BAREŠOVA (poŝtoficistino), Lucemburská 22, Praha-Vinohrady 2175, Ĉeĥoslovakujo.
487. (Nomo kaj adreso nepublikigotaj, laŭ peto; lando : Ĉeĥoslovakujo.)

**Laŭlanda Statistiko :** Alĝerio, 1 ; Aŭstrujo, 1 ; Belgujo, 27 ; Ĉeĥoslovakujo, 9 ; Danzig (Libera Urbo), 1 ; Francujo, 217 ; Germanujo, 30 ; Granda Britujo, 35 ; Grekujo, 1 ; Hispanujo, 9 ; Holando, 28 ; Hungarujo, 8 ; Italujo, 6 ; Jugoslavujo, 4 ; Polujo, 14 ; Rumanujo, 1 ; Saar-Teritorio, 2 ; Sovet-Rusujo, 2 ; Svedujo, 6 ; Svisujo, 3.

**Entute, 405 kongresanoj el 20 landoj.**

L. N. NEWELL,
*Generala Sekretario de la L. K. K.*

## Kuriero de la Kongreso

*Multaj demandoj, kiujn ni ricevas, interesas ĉiujn kongresanojn. Tial ni lasis tie ĉi angulon, kie la Kongresa Kuriero, nia amiko Jean Marchand, provos kontentigi la scivolemon de aliĝintoj kaj aliĝemuloj.*

S-ro J. B., N° 149 (Germanujo) : 1) Ĉu neesperantisto povas partopreni la Kongreson ? (Jes, ĉiu persono paginta la kotizon rajtas partopreni la Kongreson.) — 2) Ĉu ankaŭ unuopulo ricevas rabatilon ? (Jes.) — 3) Ĉu la prezoj por loĝado indikitaj en la *Gazeto* entenas la matenmanĝon ? (Ne, ĉar ĉiu naciano manĝas alimaniere.) — 4) Ĉu oni ricevos senpagan vizon ? (Demando nun studata. Informoj aperos poste en la *Gazeto.*)

S-ro A. L., N° 346 (Germanujo) : 1) Kia estas la vivkosto en Parizo ? (Bonvolu vidi la artikolon de E. V. en la aprila numero de la *Gazeto.*) — 2) Ĉu estos tendaro ? (Jes, pluaj informoj aperos poste.) — 3) Ĉu oni ricevos senpagan vizon ? (Bonvolu legi supre.)

S-ro M. A., N° 120 (Italujo) : Dankon pro manuskripto. Bedaŭrinde, ni ne plu disponas sufiĉe da spaco por publikigi ĝin. Cetere ni jam parolis pri tiu temo, kaj aperos ankoraŭ samspeca artikolo en nia proksima numero. Plej korajn bondezirojn okaze de via 60-a naskiĝa datreveno.

J. M.

### Anoncetoj

*Kongresanoj kaj aliaj, kiuj deziras trovi korespondanton, povas publikigi anonceton sub tiu ĉi rubriko. La prezo estas unu franca franko por ĉiu linio (el sep vortoj) aŭ parto de linio.*

JUNULOJ malpli ol 17-jaraj deziras konatiĝi antaŭ la Kongreso per p.-k. i. S-ro Caillet, La Mure (Isère), Francujo.

F-ino F. M. BARTHOLOMEW, kongresano 136, deziras korespondi kun neanglaj samideanoj, speciale pacifistoj kaj vegetaranoj.

## Nia Titolo

La karaktero, « Serio XVIII », per kiu oni kompostis la titolon de ĉi tiu numero, estis desegnata, en la jaro 1911, de Charles Tuleu, kiu transprenis la faman fandejon de Alexandre de Berny. Ĝi estas tre trankvila kaj serioza karaktero, kaj estas reakcio kontraŭ la troa severeco de la karaktero Didot.

La kompostadon kaj kliŝigon faris la fandejo Deberny & Peignot de Parizo.

## Pri kelkaj aspektoj de Parizo

PARIZO, Lum-Urbo ! Kiel noktaj papilioj, fremdlandanoj el ĉiuj lokoj de la tero alkuras al Parizo, allogataj de ia mistera forto. Kaj post ioma tempo, revenante hejmen, ili forportas kun si impresojn ... laŭ kiuj ĝenerale ilia opinio pri la ĉefurbo de Francujo estas tute falsa.

Ĉar Parizo estas duobla : ekstera kaj interna. Kaj nur la eksteran urbon fremdlandano konas. Kaj en tiu ekstera kalejdoskopo li vidas nur tion, kio estas kosmopolita, ne esence franca, ĉar nur tion povas montri al li la vojaĝagentejoj. Antaŭ ol veni Parizon ĉiu ja aŭdis pri tiu aŭ alia loko vizitinda, kaj ĉiu preparas al si, laŭ rakontoj de amiko, kiu jam estis en Parizo, vizitplanon pri kiu li plej ofte kontentiĝas. Montparnasse, Latina Kvartalo, la Grandaj Bulvardoj kaj Montmartre estas la ĉefaj punktoj de tiu turisma celado.

La plej vigla, la plej brua el tiuj punktoj de pilgrimado estas nun certe Montparnasse, loĝkvartalo de l' pentristoj. En la kafejoj, kiaj Coupole, Rotonde, Dôme, Lavenue, k. a., ĉiuvespere sennombraj soifantoj aŭ babilemuloj kuniĝas en atmosfero de tabaka fumo kaj de senfina ĉiulingva murmurego. Rusoj, germanoj, angloj, poloj, skandinavoj, amerikanoj, turkoj kaj malproksimorientanoj rendevuas tie. En la noktaj dancejoj, kiuj kreskas tie kvazaŭ fungoj, kie sur areo de proksimume du kvadrataj metroj turniĝas 40 aŭ 50 paroj kaj kie la « Rumba » detronigis la jam antikvan fokstroton, samkvalita adeptaro svarmas babelture. Iafoje oni renkontas tie Joséphine Baker, Jeannette Macdonald kaj aliajn stelojn de varieteo aŭ ekrano. Entute amaso kosmopolita ; mi intence ne diras internacia, ĉar tiu amaso havas specialajn morojn, kiuj ne estas harmonia kuniĝo de diversnaciaj intelektaj tendencoj, sed ia stranga, nedifinebla miksaĵo, netrovebla aliloke ; ĝi estas ekskluzive kaj tipe « montparnassa ». Certe tio estas tre interesa laŭ psikologia kaj bildefekta vidpunktoj kaj inda esti konata, sed oni devas esti avertita pri ĝia respektiva valoro en la diverseco de parizaj aspektoj.

Iom alian karakteron havas la Latina Kvartalo, precipe centro de la Studo kaj de la Scienco. Sed, atentu, ankaŭ tie, neavertita, vi vidos nur lokojn, kie forestas la franca intima vivo kaj kiuj estas kvazaŭ sojlo de Montparnasse. Ĝi tamen estas pli ĝuste internacia ol kosmopolita, precipe en siaj internaj manifestacioj. Oni venas ĉi tien el ĉiuj mondpartoj ne por amuziĝi sed por studi. En sennombraj superaj lernejoj kunvenas gejunuloj ĉiurasaj, ĉiuhaŭtaj kaj ĉiuidiomaj por konatiĝi kun la franca kulturo, ofte ankaŭ kun kulturoj alilandaj, kaj la ekstera vivo de la kvartalo reflektas tiujn priokupojn. Ĉi tie en la kafejoj vi renkontos la francan intelektan publikon, vi ekkonos la gajecon de la franca studentaro. Cetere, nia Kongreso okazos en ĉi tiu kvartalo kaj la kongresanoj havos tiamaniere eblon speciale bone ĝin observi [1].

*(Daŭrigota.)*

JOSEPH NELS.

[1] Ĉar nia Kongreso okazos en la epoko de l' studenta libertempo, la Latina Kvartalo aspektos tiam malpli vigla. Sed dank' al la Esperantistoj ankaŭ dum la komencaj tagoj de aŭgusto pulsos vivanta movado tra la tuta regiono de l' bulvardo St-Michel, — tage kaj nokte. *(Noto de la Red.)*

# SUR LA REVOJO

Sur vasta vojo malrapide sed decide iras la pilgrimanto. Baston' en la mano, ĝojo en okuloj kaj en la kapo abundo de pensoj. Post multaj jaroj li denove estas en sia patrujo, en Esperantujo. Dek ok jaroj pasis de kiam lin, la X-idon, forkurigis el tie bomboj kaj kanonoj de la terura milito. Terura tempo! Sur lia brusto pilgrima brilas la steleto. Apude — la insigno de la malsukcesinta X-a. Ambaŭ ili vekas pezajn rememorojn. La pilgrimanto paŝas atente, ĉirkaŭrigardas scivole kaj kun granda miro.

Al Parizo! ĝojas lia koro.

Sed li multon ne rekonas. Multajn siajn samtempulojn ne vidas. Unuj mortis, aliaj maljuniĝis aŭ laciĝis en sia laboro. Novaj homoj, novaj pensoj kaj sentoj, novaj sulkoj, novaj fosantoj. — Ne nova nur, la sama, restis la fundamento. Ne kontuzita, ne tuŝebla, staras ĝi kiel roko granita kontraŭ ĉiuj atencoj.

Fundamento bona — ĉio bona, decidis la pilgrimanto.

Kaj lin kaptas ĝoja kortuŝo. Super li — vasta firmamento. Brilas klare steletoj, kies lumo verdigas la vojon milde, mistere.... La pilgrimanto rigardas supren, observas la konstelacion. Bonaŭgura. Kaj li lasas siajn pensojn libere.

Ne gravas, ke lastatempe evidentiĝis la tendenco puŝi la movadon sur alian, novan vojon. Ne gravas, ke en Esperantujo baraktas du ventoj, du programoj. Unu — malnova, konservativa kaj trankvila, alia — juna, progresema, pasia. Al ili ambaŭ li rekomendus konsideron kaj trankvilon, kompromisan kunfandiĝon en unu potencon, kies energio ne disiĝu kaj levu la movadon sur la nivelon, sur kiu vidi ĝin delonge sopiras la Esperantistaro.

Ili ja ambaŭ celas la samon: bonon de Esperanto!

Ĉu ne estas pli racie anstataŭ enprofundiĝi en la vojon novan, nekonatan, necertan, resti sur la ĝisnuna, sed, se necese, ŝanĝi la metodojn kaj pliintensigi, unuecigi la laboron?

Ne gravas, ke en Esperantujo frotas sin opinioj. En frotado akriĝas la ŝtalo. Trankvilo signifas anemion, vegetadon. En homa kapo ankaŭ luktas ekstremaj pensoj. Sed feliĉe tie regas s-ro Prudento kaj malpermesas al la petolulinoj frakasi la cerbujon. Ni havu fortan prudenton. Kaj la forto estas — en unuiĝo.

Konsiderojn de la rezonulo haltigis pormomente eĥoj de iaj malproksimaj kanonpafoj. En aero ekodoris la sulfuro. La pilgrimo streĉas la aŭdon, flaron.... De kie?... De la oriento.... Ĉu ondoj revenaj?... Neeble....

En Ĝenevo ja?... Halucinacio!... Resonojvaguloj de la pasinteco.... Simile al la animojmalbenitoj, ne povantaj trovi la eternan ripozon, tiuj orfo-sonoj ŝvebas ĝis nun en subĉielaj altajoj senrifuĝe, senkonsole....

Tion ĉi dirinte, la pilgrimanto plirapidigis siajn paŝojn. Granda energio eniris en lian bruston. Entuziasmo deprenis la pezon de laco. Liaj piedoj kvazaŭ mem levadis sin, kaj la animo sur flugiloj de la ekstazo ekportis sin....

Al Parizo!

F. Zamenhof.

# Poŝtkestoj

Kiam oni troviĝas en fremda urbo oni kompreneble havas tuj la normalan deziron, ke ĉiuj geamikoj sciu pri la bela vojaĝo. Plej bone oni povas ilin sciigi (kaj samtempe ĵaluzigi) per poŝtkartosalutoj, kiuj estas ja malmultekostaj.

Sed nun stariĝas la demando: « Kie troviĝas poŝtkestoj? »

Ni konfesu, ke en Parizo fremdlandano ne facile malkovras ilin. Bonvolu do noti, ke krom la oficialaj poŝtoficejoj, preskaŭ ĉiuj tabakbutikoj havas keston, alireblan rekte de la strato, en kiun oni povas konfide enĵeti ĉiujn poŝtaĵojn sendotajn. Plue troviĝas tiaj kestoj ĉe multaj stratanguloj, kontraŭ muroj, en lanternfostoj, k. t. p., ĉefe en la trafikoriĉaj kvartaloj. Ĝenerale tiuj kestoj estas blue pentritaj kaj surportas surskribon *Lettres* (Leteroj). Ekzistas ankaŭ aliaj kestoj, preskaŭ samformaj, sed ili estas ruĝaj aŭ brunaj. Prefere ne tuŝu ilin. Unu estas avertilo por mobilizi la fajrobrigadon, la alia por alvoki la policon.

Cetere la poŝtkesta problemo esence simpliĝos por niaj kongresanoj per la fakto, ke ili trovos ĉiun oportunecon por skribi kaj forsendi ĉiajn korespondaĵojn en la Kongresejo mem.

Jen la poŝtafranka tarifo en Francujo:

Por leteroj: enlande fr. 0,50 (ĝis 20 gr.)
eksterlanden fr. 1,50

Por poŝtkartoj kun maksimume 5 vortoj (krom la adreso):
enlande fr. 0,15
eksterlanden fr. 0,30

Por poŝtkartoj kun pli multe da teksto:
enlande fr. 0,40
eksterlanden fr. 0,90

Pneŭmatika poŝto (*pneumatiques*) nomiĝas specialaj leteroj, kiuj estas utiligeblaj nur por la urbo Parizo kaj la plej proksimaj ĉirkaŭlokoj. Ili estas transdonataj al la adresatoj ĝenerale jam du-tri horojn post forsendo, do tre utilaj por urĝaj sciigoj. Ili kostas fr. 1,50 kaj ne pezu pli ol 7 gr. Atentu, ke oni devas ilin enmeti nur en specialajn kestojn portantajn la surskribon « Pneumatiques ». Tiaj kestoj troviĝas en ĉiuj poŝtoficejoj kaj ĉe kelkaj grandaj hoteloj, kiuj havas privatan poŝtservon.

Koncerne afrankon de poŝtkartoj la franca poŝto ĝenerale toleras la markon bildflanke, sed tia afranko ne estas konforma al la regularo.

# NI BABILADU PRI PARIZO

Ni nun povas havi propran ideon pri la trezoroj, kiujn amanto de malnovaj memorriĉaj ŝtonoj povas trovi en la insulo *Cité*. Sed jen oriente alia insulo, kiu similas ŝipon posttiratan de la ĉefa ŝipo *Cité*. Ja tiu insulo, kies nomo estas nun *Ile Saint-Louis* (insulo Sankta Ludoviko), konsistis iam el du insuletoj *Ile Notre-Dame, Ile aux Vaches* (insulo de Nia Sinjorino kaj insulo de la bovinoj). Ambaŭ apartenis al la ĉefpreĝejestro.

Dum pentekostaj tagoj de 1313 reĝo Philippe-le-Bel donis belegajn festojn pro la kavalirigo de siaj tri filoj. Ĉeestis multaj princoj kaj genobeloj, ankaŭ reĝo de Anglujo Eduardo II kaj reĝino Izabelo. Dum festa kunveno, kiu okazis tiam sur la insuleto Notre-Dame, Nikolao, papa legato, predikis al ĉiuj, por ke ili alprenu la krucon de la krucmilitistoj. La rezultato estis entuziasma kaj bruega militiro, kiu la sekvantan tagon serpentumis de la insulo ĝis ... la palaco de la Cité !

Ĝis 1614 la du insuloj estis ankoraŭ preskaŭ tute sendomaj, sed la 19-an de aprilo de tiu jaro Marie kaj Le Regrattier ŝtopplenigis la riverbrakon, kiu ĝis tiam disigis la du insulojn, konstruigis ŝtonajn kajomurojn kaj du pontojn : Ponto *Marie*, nun ankoraŭ ekzistanta, kaj ponto *Tournelle*, nun rekonstruita.

De nun ni vagadu jen sur la norda, jen sur la suda parto de Parizo. Paralele al la rivero *Seine* ni trovas sur la norda bordo la stratojn *de Rivoli* kaj *Saint-Antoine*. Vidante la multajn trapasantojn kaj veturilojn ni kun stranga mirsento memoras, ke Philippe, juna filo de reĝo Ludoviko VI (1100-1137) pereis tie post falo de sur ĉevalo, kaŭzita de unu el la tiam libere vagantaj porkoj.

Ĉe la ekstremaĵo orienta jen kolono « de Julio » sur la placo *Bastille*. Tie ĉi staris la fortikaĵo Bastille, kies unuan ŝtonon lokis reĝo Karlo V (22-an de aprilo 1370). Tiu fortikaĵo, samtempe malliberejo, estis militprenata de la ribelinta popolo de Parizo la 14-an de julio 1789. Ĝi estis malkonstruata en 1790 kaj kio nun restas de ĝi ? Ni trovas sur la okcidenta parto de la placo pavimajn liniojn, kiuj montras la planon kaj



*Foto Yvon*

LA RIVERO SEINE KAJ PONTOJ ORIENTE DE KATEDRALO NOTRE-DAME

lokon de parto de la fortikaĵo. Plie en stacio de la subtera fervojo oni povas vidi ankoraŭ malaltan parton de unu el la turoj, kiun oni restarigis tie. Sub la nuna bronza kolono ripozas la restaĵoj de viktimoj de la revoluciaj tagoj de julio 1830. Oni eĉ asertas, ke kun ili dormas tie kelkaj putriĝintaj mumioj egiptaj.



RUE DE RIVOLI

Ni lasu maldekstre belan preĝejon Sankta Paŭlo kaj Sankta Ludoviko, kiun konstruigis jezuitoj, kaj ni iru pli proksime al la rivero *Seine* ĝis *Hôtel de Sens* (Nobeldomo de Sens), kiun ekkonstruigis la ĉefepiskopoj de tiu urbo je la fino de la XV-a jarcento. Tiu rimarkinda domego estis donacata poste de Henriko IV al reĝino Marguerite de Valois, kiu ĝin forlasis en tragikaj cirkonstancoj. La 5-an de aprilo 1606 ŝi revenis el la preĝejo, kiam iu nobelo Vermond pafmortigis unu el ŝiaj paĝioj. Reĝino Marguerite de Valois ĵuris, ke ŝi nek trinkos nek manĝos ĝis kiam la mortiginto estos juĝita. La morgaŭan tagon oni senkapigis lin kontraŭ la nobeldomego mem kaj reĝino Marguerite de Valois rigardis de unu fenestro. Dum la posta nokto ŝi forlasis la domon kaj neniam revenis.

Post la rimarkinda preĝejo *Saint-Gervais-Saint-Protais* (XVI-a jarcento), en kiu 75 personoj estis mortigataj kaj 93 vundataj de kanonkuglo la Sanktan Vendredon, 29-an de marto 1918, ni alvenas al *Hôtel de Ville* (Urbodomo).

La unua ĉi-tiea urbodomo estis la « domo je la subtenaj kolonoj », kiun en 1357 la tiama urbestro Etienne Marcel aĉetis de Jean d'Auxerre. Ĝi estis rekonstruata dum la unua duono de la XVI-a jarcento kaj bruligata de la komunumaj soldatoj en 1871. La nuna estas rekonstruita laŭ la sama modelo, sed pli grandstile. Kiom da historiaj okazintaĵoj la antaŭaj urbdomoj estis vidintaj!

*(Daŭrigota.)*

ELBE.



Centra Presejo Esperantista (V. POLGAR), 33, rue Lacépède, Paris *Le Gérant :* RAYMOND SCHWARTZ.